


# PEDAGOGIA REVUO

H·K·B·

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

6-a JARO N-o 4

APRILO 1927

## Enhavo.



(Ĉi tiu numero enhavas 12 tekst-paĝojn.)

6-a Jaro. N-o 4 Aprilo 1927.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.

## Insista Invito al Praha.

Ni Esperantistoj ofte kun bedaŭro konstatas, ke la Esp-o.-movado ne trovas sufiĉan atenton en la publiko, ke ekz. niaj instruistaj fakaj asocioj malakceptas okupiĝi kun la postulo de internacia helplingvo, eĉ kelkfoje mokas pri ĝiaj propagandistoj. Ĉu tiu tempo ne estas pasinta, se nun la Internacia Oficejo de Edukado en Ĝenevo, kiu ne estas Esperantista entrepreno, aranĝas priedukan internacian konferencon kaj akceptas Esperanton kiel oficialan kongreslingvon? Ĉu ekzistas Esperanto-instruistoj en Ĉeĥoslovakio kaj en la najbaraj ŝtatoj, kiuj en ĉi tiu momento estas sufiĉe indiferentaj, preterlasi la okazon al plej efika Esperanto-propagando? Kiuj rezignas, aktive akceli sian propran aferon per partoprenado en tiu porpaca konferenco, aŭ per financa subtenado de delegotaj kolegoj? Kiuj lasas al kelkaj malmultaj la oferon de mono kaj tempo? Se jes, ili ne plu rajtas plendi pri indiferenteco inter la ne-esperantistoj. La oficiala kunvoka cirkulero de la Internacia Eduka Oficejo vekis intereson en ĉiuj pedagogiaj rondoj de la mondo. Multaj instruistaj organizacioj estas invititaj, ankaŭ la internaciaj. Kelkaj jam promesis sian partoprenon. Do vi ĉiuj zorgu, ke la riproĉo de indiferenteco ne prave estu ĵetata kontraŭ ni Esperantistoj! Neniu Esp-o.-instruisto restu surflanke sen ago!

PROGRAMO:

Sabaton, 16. IV. matene 9[30] h:
Proklamo de l'paco de la ĉeĥ. Ruĝa Kruco en la Parlamentejo.
vespere 8 h: Amika kunveno kun Esperanto-grupoj en Praha.

Dimanĉon, 17. IV:
9 h.: Ĉefkunveno de ŝtate ekzamenitaj Esp-o.-instruistoj de Germana Bohemio.
10 h.: Membrokunvenoj de Ĉeĥ. Asocio Esp. kaj Germana Ligo Esp. (kiujn vizitu kaj salutu la eksterlanduloj!)
2 h.: Ĉefkunveno de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE) en hotelo Budeĉ (se la ejo ŝanĝas, vi estos informataj dum via alveno en Praha) kun la tagordo:
1. Raporto pri la gazeto kaj TAGE.
2. TAGE kaj instruistaj internacioj.

**La venonta numero aperos la 15-an de Majo.**

3. Elektoj (Internacia Komitato, Gazeto).
4. TAGE kaj la packonferenco.
5. Diversaĵoj.

7 h.: Oficiala salutvespero de la packonferenco.

Lundon, 18. IV.: Elekto de l' estraro.

Psikologio: La paceduka problemo sur la psikologia kampo. Prof. D-ro. Pierre Bovet Ĝenevo.

Scienca studo pri sentoj kaj antaŭjuĝoj de la infanoj. D. A. Prescott, Harvard.

Enketo pri la sentoj de l' infanoj. Rudolf Fridrich, gimnazia prof., Brno.

Paceduko per lernolibroj pri natura scienco. D-ro. Kamaryt, gimn. prof., Bratislava.

Instruado: Lernolibroj pri historio (enketo de la Carnegia Fondaĵo).

Instruo pri Ligo de Nacioj L. Kronenberg, gimn. prof., Pollando.

Konstruaj klopodoj. Prof. Casimir, Hago.

Vespere: Publika kunveno.

Mardon, 19. IV.:

Edukado: Edukaj rimedoj: lerneja aŭtonomio, memregado de l' infanoj, arbitracio inter ili, respekto de gentaj kaj religiaj malplimultoj. Spertoj faritaj en Kimrujo. (Rer. G. Davies.)

Interlerneja korespondado (spertoj de la ĉeĥoslovaka Ruĝa Kruco):
a) per fremdaj lingvoj, S-ro Bauer.
b) per Esperanto, S-roj Neužil kaj Hahn.

Internaciaj infankampoj kaj interŝanĝoj.

Posttagmeze: Komisionaj kunsidoj pri rezolucioj.

Vespere: Publika Ferma Kunsido. Kongresanoj petu forpermeson por merkredo, 20. IV.

Laŭ la decido de la Intern. Oficejo de Edukado kaj Loka Organiza Komitato la oficiala lingvo estos Esperanto, en kiun estos tradukataj ĉiuj referatoj kaj debatoj nacilingvaj.

Kongreskotizo estas 20 ĉeĥ. kr., 5 aŭstr. ŝil., 3 germ. m. aŭ 4 svis. fr., kiun vi sendu al Organiza Komitato, Ĉeĥoslovaka Esperanto-Asocio, Praha VII., Socharska 333.

De tiu vi ricevas
1. Kongreskarton, kiun vi bezonas por la senpaga vizo,
2. specialan fervojo-legitimilon, per kiu vi ricevas en la limstacioj rabaton de $33^{1}/_{3}$% por ĉiuj vagonaroj en Ĉeĥosl. (Ne forgesu sciigi la Organizan Komitaton, ĉu vi uzos 2-an aŭ 3-an klason.)
3. malmultekostan bonan loĝejon (2 lita ĉambro — 32 kr. — 4 gm., lito en komuna dormejo 2 kr.!)

Kiu estas malhelpata mem partopreni, helpu delegi alian kolegon! G.

# Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo.

## EL FORMOSO.

### La japana imperialisma edukismo.

Japana registaro deziregis, ke Formosa popolo ne enfalu per edukado en la malutilon, t. e. ke edukado ne instruu tro multe al civilizo, ne kres-

kigu la inklinon diskutadi pri „rajto kaj devo“ tiurilate estas donataj instrukcioj de la ĝeneralguberniestro H. Kodama, kiu starigas japanan kolonipolitikon. La eduksistemo ne estas la sama por reganto (japano) kaj regato (formosano). Kvankam post la Eŭropa militego ĝi renoviĝis en 1920 kaj oni permesis kunlernigon de ambaŭ-idoj de regantoj kaj regatoj, tamen en mezgrada lernejo formosano devas same ricevi ekzamenon kun japano, kaj en popola lernejo oni apenaŭ permesas al deziranto eniri, nur kondiĉe esti fama pri japana lingvo kaj posedi havaĵon. En 1922 tiu ĉi sistemo ŝajne ekaspektas esti sendiferenca, per edikto n-o 20, sed pri la enhavo ankoraŭ povas esti distingebla la diferenco, ĉar la kursoj de popola lernejo por formosano kaj popola lernejo por japano ne senigas sian diferencon. La proporcio por eniri lernejon de japanknaboj estas nuntempe de 70 %, kontraŭe tiu por formosanido atingas en 1924 apenaŭ 33,65 %, sed dank' al impulso de progresanta industrio la nombro de dezirantaj lerni formosanidoj pli kreskas ol kresko de lernejdomoj. En urbo Taihoku proksimume 50 000 japanoj havas 5 popollernejojn kaj proksimume 150 000 formosanoj ankaŭ havas samnombran lernejaron; tial ĉiujare varbotaj geknaboj devas toleri ekzamenojn. Ju pli evoluas la insulo, des pli evidentiĝas manko de lernejoj.

Kia stranga fenomeno. Jen la organiza diferenco de la ambaŭ specoj de lernejoj.

| jaro | Por Japanoj. nombro de lernejoj | nombro de instruistoj | nombro de kla· ĉambr. | Por Formosanoj. nombro de lernejoj | nombro de instruistoj | nombro de klasĉambr. |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1917 | 112 | 415 | 415 | 352 | 2329 | 1726 |
| 1918 | 120 | 458 | 458 | 421 | 2821 | 2222 |
| 1919 | 128 | 482 | 482 | 438 | 3451 | 2519 |
| 1920 | 131 | 528 | 528 | 495 | 4069 | 3226 |
| 1921 | 132 | 568 | 568 | 531 | 4732 | 3751 |
| 1022 | 133 | 734 | 595 | 592 | 3088 | 4346 |

En la instruista nombro 734 (1922) el la supre citita tabelo de popolaj lernejoj por japanoj troviĝas 103 helpaj kaj anstataŭaj instruistoj, sed samjare en la nombro 3088 geinstruistoj en formosanaj lernejoj estas 727 tiaspecaj geinstruistoj; alivorte, en la unuaj inter 7 personoj ekzistas unu helpa kaj anstataŭa instruisto, kontraŭe en la duaj inter 4 personoj ekzistas unu (helpa).

En 1922 la nombro de geknaboj en japanaj lernejoj estis 22 448, tio estas 30 por unu instruisto, dum nombro de geknaboj en formosanaj lernejoj estis 200 408, tio estas 66 meze por unu instruisto.

Kiom da eduka elspezo bezonas knaboj de la ambaŭ popoloj? En jaro 1920 eduka elspezo por 19 733 geknaboj en popolaj lernejoj de la insulo estis: 1 320 455 Y (jenoj), kio estas por unu infano proksimume 67 Y, kaj por 151 096 geknaboj en popolaj lernejoj formosanaj eduka elspezo estis 3 391 045 Y, kio estas por unu infano 36 Y.

Bedaŭrinde mi ne havas la plej lastan statistikon, por montri detale diferencon, sed ĉi ciferoj bone montras la ekziston de du sistemoj de eduko en Formoso . . . .

Krom ordinara programa lernado en registaraj lernejoj estas malpermesita, aranĝi iajn ajn kursojn sen permeso de la 10-a de Majo 1924 laŭ paragrafo 34 de lerneja regularo. Kial? Ni lasu al legantoj, tion pripensi. Estas rimarkinde, ke oni ne permesas al formosaj lernantoj, legi librojn el Ŝanghaj

kaj eĉ gazetojn „Ĉuokuron“, „Taijo“ (ambaŭ estas konataj naciismaj gazetoj) en la pedagogia lernejo de la ĉefurbo Taihoku.

En kia socia stato nun estas formosano? Se li volas vojaĝi ekster Formoson, krom al enlando, li nepre bezonas pasporton, sed japano en sama okazo tion ne bezonas.... Ekzistas ankaŭ „punleĝo de perfiduloj“ (japane: „Hi-to-kebacu-rei“). Jen la teksto: „Malgraŭ por kia ajn celo, kunigo de multaj personoj, por plenumi sian celon per furiozaĵo aŭ minacado, faras krimon de perfiduloj“. Laŭ tiu leĝo eĉ la tumulta krimo en kriminalleĝo meritas esti enlanda ribelkrimo.

Ekzistas „Hoko-sistemo“, helpa organo de policpolitiko. Organizita el 10 hemoj nur de Formosanoj la grupo estas nomata „Ko“, kaj el 10 „ko“ aranĝiĝas „ho“, kies principo estas jena: se loĝanto en „ko“ aŭ en „ho“ agas malbone, ĉiu loĝanto devas (en tiu grupo) partopreni lian punon. Ĝenerale tia grupo funkcias por observi el- aŭ en-irantojn en sia loĝejaro, gard-serĉado kontraŭ malbonuloj kaj ŝtelistoj, akcelado al enspezo de ĉiu imposto kaj por socia ordo. Ekz., ĉiu hejmestro havas devon, kiam lia familio vojaĝas aŭ lia amiko restas en lia hejmo, raporti al polico, skribonte jene: loĝejo, nomo, profesio, aĝo, pro kia afero aŭ celo, tagnombro de restado....

Estas monumento de princido Kitaŝiranokaŭa en Ŝoka, el kiu elfalis kupra litersigno (ideo-signo) signifanta „reĝo“, en Oktobro 1922, pro fendiĝo. Post unu monato tiu fakto ŝanĝiĝis sian simplan signifon kaj estis anoncita kiel esprimo de konspiro, ke Formoson intencas reokupi insoluloj kun ĉinoj, elpreninte ĝin el manoj de Japanio. Arestinte ĉirkaŭ 100 senkulpajn junulojn el najbaraj distriktoj, la registaro torturis ilin kaj per tio surprizis tutan Formoson. Baldaŭ tia komediaĵo ripetiĝis en terorisma formo en Decembro 1923, ĉar la registaro konsideris la peton al parlamento pri starigo de formosa parlamento, kiel konspiron pri sendependeco de Formoso. Arestinte pli ol 50 personojn, oni ekreviziis ĉiujn korespondaĵojn, informojn, telegramojn ĉu ĉe individuoj, ĉu ĉe gazetoj. En tiamaj enlandaj japanaj gazetoj ĉiu raportis tion, kiel tre gravan aferon sub titolo „Malkovro de konspiro pri Formosa sendependeco“ per la plej grandaj signoj. En la gazeto „Jorozu“ tiam oni enpresigis pri „tri aeropafiloj konfiskitaj“. Kia malsaĝaĵo. Konspiro kaj aeropafilo. Kompreneble oni scias, ke ĉi raporto devenas de la registaro, sed oni konvinkiĝas, kiel taksas la registaro la Formosanojn.

En la sama jaro, la pedagogia lernejo de la ĉefurbo Taihoku rifuzis 17 formosanajn junulojn kvankam ili sukcesis la ekzamenon en urbo Ŝoka, kie okazis la „konspiro“, kaj ili ne povis eniri la lernejon. La kaŭzo estis nur la „malsukceso de personeco“. Kia estas la personeca ekzameno? Ĝi signifas, ke ili estas danĝeremuloj, kvankam ili nur estas 15—16 jaraĝaj! Ne estas mirigaĵo, ke dum kelkaj momentoj post kelkaj vortoj, la ekzamenintoj scipovis sorĉe sciiĝi pri tio!

Jam al mi ŝajnas, ke vi, legantoj, plenkomprenas la skizon sub ĉi titolo. Antaŭ ol fini mian priskribon, mi plie kelkajn vortojn alskribu.

Al formosanoj, estantaj en la supre dirita stato, iu juĝisto deklaris en juĝejo sankta jenon:

Kiu ne deziras esti asimiligita de Japanio (tio estas japanigi), tiu ne estas bona popolano por Japanio. Kiu jam ne ŝatas politikon de japanigo, tiu nun vole forlasu Formoson“. Reganto kaj regato....

Priskribis: S. Ren. Taihoku - Formoso.

# EL FRANCIO.

## La grupoj de junaj Geinstruistoj.

Per tiuj vortoj mi intencas konatigi al la alilanda kamaradaro la francajn grupojn de geinstruistoj. Ili fondiĝis antaŭ 4 jaroj. Tamen ni havas en Francio du geinstruistajn sindikatojn: t. n. Nacia Sindikato kaj Federacio de Geinstruistoj. Je kia bezono respondas la fondigo de tiuj novaj grupoj? Ĉu ili do estas kontraŭunuecaj? Ne male, tute male!

Sindikatoj estas multe okupataj. Multajn problemojn ili devas solvi. Ĉu ili povas bone klopodi pri la demandoj propraj al la juna geinstruistaro? Ne, kaj la grupoj naskiĝis, por studi la demandojn precipe koncernantaj la junulojn, kaj poste postuli de la sindikatoj la defendon de siaj propraj postuloj. Do, ili ne kontraŭas la agadon de la sindikatoj, sed male ĝin helpas, ĝin pretigas. Kaj grupigante en si naci-sindikatanojn kaj Federacianojn (el ambaŭ sindikatoj) kaj nesindikatanajn geinstruistojn, tiuj grupoj estas vere unuecaj. Vidu ankaŭ en novembra bulteno de Internacio de Instruistaj Laboristoj ilian alvokon favore al unueco.

Nun en 43 departementoj estas unu grupo juninstruista kaj ĉiuj estas sub la gvido de la Centra Komitato elektita ĉiujare dum kongreso.

La profesiaj postuloj de la junaj geinstruistoj estas varme subtenataj de Federacio de Geinstruistoj. La junuloj ankaŭ dezirus, ke Nacia Sindikato agu same. Bedaŭrinde la grupojn fondis anoj de la Federacio, kaj nur tio sufiĉas, ilin suspektigi de Nacia Sindikato. Ĉu fondo de tiuj grupoj ne celas propagandon por la Federacio? Ilia konstanta sintenado montras, kiel tiu supozo estas prava! Jes, konstante la Centra Komitato interrilatiĝis kun Nacia Sindikato. Ĝi ricevis ne ofte respondon kaj nur promesojn, sed ĝi nun tamen esperas ankaŭ veran kunlaboradon. Eble grupanoj (juninstruistoj), ankaŭ anoj de Nacia Sindikato, povos postuli de sia sindikato plimulte da agemo por sia profito!

Inter la demandoj studitaj de la grupoj juninstruistaj mi devas unue paroli pri la salajroj. Ja, ĉar je ĉiu salajraltigo la gejunuloj estas malprofitigitaj, estas la kaŭzo, ke la grupoj fondiĝis. Ili do studis tuj la problemon, kaj post profunda studado ili postulis efektivigon de la „unika salajro“. Laŭ tiu projekto ĉiu instruisto, juna, mezaĝa, maljuna, ricevos saman salajron (mez-salajron) post du-tri jara periodo de metilernado, dum kiu ili estos ricevintaj iom pli malaltan salajron (metilernan salajron). Tiu projekto estis multe kritikita: oni diris, ke la maljunaj geinstruistoj estas pli spertaj ol la junaj. Eble, sed ĉu ilia sperto pligrandiĝas nur ĉiukvin aŭ-sesjare, kiam ili supreniras en alian salajroklason? Tio estas ridinda! Ĉu ili estas perfektaj geinstruistoj nur, kiam ili estas en la unua (plej alta) salajroklaso?! Sed laŭ tiu principo, se oni devus pagi laŭmerita, oni devus malpli pagi la 55-60-jarulojn ol la mezaĝulojn, ĉar certe ilia laboro estas pli malbona kaj pli malmulta. Plie la akirita sperto permesas atingi la samajn bonajn rezultatojn, kun multe malpli da peno, trovante en si mem sian rekompencon, kaj ankaŭ ĝenerale la ne junaj geinstruistoj estas ofte oficigitaj ĉe pli bona posteno (urbu). Oni do povas akcepti, ke post periodo de metilernado, dum kiu instruisto estus iom malpli salajrigita, la tuta instruistaro devas ricevi ununuran (unikan) salajron. Por egala laboro egalan salajron!

Kelk-iuj diras: „la bezonoj pligrandiĝas kune kun la aĝo“, Ne ĉiam vere. La salajro-skalo estante sama por gepatroj kiel por gefraŭloj (aŭ

ge-sen-infanuloj), la unuaj gajnas nur iomete pli dank' al malgrandega kompensaĵo kaj la projekto pri „unika salajro“ entenas ankaŭ tiun kompensan monon por geinstruistoj havantaj infanojn, kaj ĉu junulo ne elspezas multe por edziĝi, aĉeti meblaron, librojn, fari studvojaĝojn ktp. ktp.?

Iuj aliaj aldonas: „salajra skalo estas necesa stimuligo“. Tio estas argumento neanta tute la profesian konsciencon, kaj ni ne volas halti ĉe tiu argumento, ĉar mallaboremaj instruistoj alvenas en unuan salajroklason, kiam ili atingas la koncernan aĝon sambone kiel la plej sindonemaj.

La tre studita projekto pri unika salajro estas tute kompleta. Ĝi antaŭvidas ankau la kompensan monon pri familio, la provizorajn antaŭrimedojn, la situacion de komencantoj, de instruist-anstataŭantoj, ktp. . . . Ĝi celas alporti pli da justeco por la junuloj, kaj ankaŭ, samigante salajron, ĝi celas samigi ĉiujn profesi-postulojn kaj unuigi la geinstruistojn. La Grupoj de Junaj Geinstruistoj propagandas fervore por sia projekto ankaŭ inter aliaj ŝtatoficistoj. Ĉu alilande oni ankaŭ studis tiun demandon? Mi estus kontenta, ekscii tion.

Inter la aliaj demandoj studitaj de la Juninstruistaj Grupoj mi devas citi la problemon de la t. n. malfavoritaj postenoj. La junaj Geinstruistaj estas ofte oficigataj en la plej malbonaj postenoj: en monta vilaĝeto, kelkfoje en izola lernejo, en loĝejo malbona, eĉ malpura kaj malsana, inter kamparanoj, kiuj ne tre amas laikan (senkonfesian) lernejon, kun geinfanoj 5-15-jaraj, ktp. ktp. . . . La grupoj postulas kompensan monon por la geinstruistoj oficantaj en tiuj ne agrablaj postenoj.

Ili ankaŭ klopodas por siaj estontaj kolegoj, kiuj ankoraŭ estas en la instruista seminario (pedagogia lernejo), kaj kiuj ne manĝas sufiĉe, kiuj ne povas libere korespondi, ne povas legi gazetojn al ili plaĉajn (kiel nia pedagogia revuo „Emancipata lernejo“).

Je pedagogia vidopunkto ankaŭ bonege laboras niaj juninstruistaj grupoj. Kajeroj pri diversaj temoj cirkulas inter la grupanoj. Ĉiu notas tion, kion li kredas interesa por la kolegoj. Kelkaj librokolektoj estis fonditaj kaj multaj vidaĵoj presitaj por geografia aŭ historia instruadoj . . . . Tia estas la bonega laboro de niaj Grupoj de Juninstruistoj vivoviglaj kaj necesegaj. Ili ankaŭ celas sindikatan edukon de la junuloj, kiuj fronte al du sindikatoj ne scias al kiu aliĝi. Ili unue aniĝas al Juninstruista Grupo kaj poste libere plenscie al iu sindikato. J. Laquet.

# Ĉu reala, interna rilato ekzistas inter la formo kaj la ideo de radikvorto?

Antaŭnotoj: 1. Oni diferencigas en la germana lingvo literatura laŭ sonaj proprecoj tri fazojn: antikva germana (agerm.), mezepoka germana (mgerm.) kaj nuntempa germana (ngerm.). 2. Intence ni evitos ĉe la germanaj substantivoj la grandan komenc-literon.

La germana poeto Lessing diris iam: „Malofte kontentigas min, ke mi objekton konas kaj scias, kiel tiu aĵo nomiĝas; tre ofte mi deziras ankaŭ scii kial tiu objekto tiel kaj ne alie estas nomata“.

Jen demando, kiun jam la antikvaj filozofoj grekaj diskutis. Trafe respondis ĝin Shakespeare en „Romeo kaj Julia“: „Kio estas nomo! Kio al ni rozo nomiĝas, kiel ajn ĝi nomiĝus, odorus agrable“.

Jes, escepte de la malmultaj sonimitaj vortoj: (ekz. zumi, kraki, miaŭi, tamtamo, infanvortoj: vaŭ-vaŭ (hundo), töf-töf (aŭtomobilo) la radikvortoj ne havas ian internan rilaton inter vortvesto kaj vortsenco.

Ni argumentu tion detale!

## A. El diversaj lingvoj.

I. La sama ideo estas esprimata plej malsama.

„homo", kontraŭe al besto, estus indikata: alban. „nieri", arm. „mard", finn.: „ihminen", agerm.: „mennisco", ngerm.: „mensch", hebr.: „adam", japan.: „hito", let.: „zilweks", malaj.: „orang", hungar.: „ember".

Eble vi kontraŭdiros: Ja, la vortformoj aliiĝis iom post iom; pratempe ili certe estis pli similaj. — Pripensu! 1. Se la rilato inter vorto kaj ideo estus bazita „sur naturo", kaj la ideo restis ĝenerale la sama, kiel estis eble, ke la vortoj ŝanĝiĝis tiom?

2. Ĉu ĉiuj idiomoj tutmondaj devenas de komuna pralingvo, ne estas ĝis nun pruvite; ja eĉ la parenceco de l' indogermanaj lingvoj kun la semidaj estas malgraŭ multaj esploroj nesolvita problemo.

3. La lingva scienco fiksis per komparo de la indogermanaj lingvoj serion da praelementoj, unusilabaj radikoj. Ekzamenu nun, ĉu en la radiko „i" troviĝas almontro al la agado „iri", en „ad" al „manĝi", en „ma" al „mezuri"!

II. La sama songrupo indikas malsamajn ideojn:

„laus" estas en lat. „laŭdo", en germ.: „pediko". — „caldo" estas en ital.: „varma", en germ.: „malvarma".

III. Sub negravaj aliiĝoj de l' formo la ideo de vorto en fundamenta idiomo diferenciĝas en ĝiajbranĉlingvoj laŭ diversaj direktoj.

pragerm.: „kneht" estas juna viro, paĝio. El tio iĝis ngerm.: „knecht" estas servisto, iĝis dan.: „knegt" estas sentaŭgulo, iĝis angl.: „knight" estas kavaliro. (Daŭrigota) Karl Giessman, Crefeld.

# La lumbildo en la lernejo.

## El Germanio.

Malvarieco de la spirita vivo estas certe evitata, se jam dum la junaĝo la talento estas vekata ne nur per vorto aŭ bildo, sed per ambaŭ. Laŭ la postuloj de la instruplano kaj laŭ la kapableco de la edukatoj la instruisto uzas jen la parolon, jen la bildon kiel instruilon kaj helpilon por la aperceptado de la instruotaĵo.

Por anstataŭi la realecon tre oportune sin prezentas la grandaj murbildoj. Oni postulas, ke ili donu multvaloran, scienċe veran instruotaĵon en arte bela formo kaj pro la necesa ekkonebleco ankaŭ en vasta distanco havu laŭafiŝan efikon. Tiuj postuloj malfacile estas plenumeblaj, ĉar ekzemple la pedagogia stilizado (ĝeneraligo de la prezentitaĵo al tipa modelo) kontraŭas la artan stilizadon. La perspektiva postulo ofte devigas al nearta grupigado. Ampleksa multo da murbildoj kaŭzas tre gravajn monelspezojn. La paperaj aŭ kartonaj bildoj estas facile difekteblaj, ilia vivdaŭro nur mallonga

Multaj de tiuj maloportunaĵoj estas eviteblaj, se oni uzas lumbildojn. Kaj ili estas malmultekostaj kaj daŭraj. La lumbildo sur la murekrano estas pro siaj lumkontrastoj tre klara, perceptebla kaj laŭvole pligrandebla.

Tiu ĉi juĝo pri la nemoveblaj lumbildoj (ne pri la kurantaj filmoj) estis antaŭ ĉirkaŭ 20 jaroj la rezulto de multnombre vizitita kunveno de instruistoj en Potsdam kaj kaŭzis, ke kelkaj popollernejoj (unuagradaj lernejoj) klopodis havigi al si projekcian

aparaton. La urba budĝeto ne sufiĉis por tiu celo. Post kiam jam antaŭ la mondmilito 2 lernejoj estis pionirintaj kaj post la repaciĝo 2 aliaj estis aĉetintaj malmultekostajn lumbildaparatojn el armeoprovizoj, la magistrato estis konvinkita pri la graveco de la nova instruilo kaj aĉetis aparatojn por ĉiuj lernejoj. Sed — de kie preni la diapozitivojn? Dum multaj jaroj ni estis devigitaj pruntepreni bildseriojn de la pruntedonaj institutoj, el kiuj prefere estu nomata la „Asocio por popolklerigado" en Berlin kun provizo de 700 serioj (ĉ 50 000 diapozitivoj) el ĉiuj sciencaj fakoj. Sed la malfacilaĵoj pri sendo kaj resendo de la bildoj kaj ankaŭ la kostoj (5 markojn kiel pruntopago po serio) treege estigis la deziron al centralo en Potsdam. Kaj nun depost kelkaj jaroj tia lumbild-centralo ekzistas en la ĉi tiea urba lernejoficejo, kie ĉiu lernejo post antaŭa mendo senpage ricevas la deziritajn diapozitivojn. Nuntempe la oficejo komplete posedas la modelan geografian kolektaĵon de Benzinger (Stuttgart); krom tio estas haveblaj historiaj, naturscienca j, arthistoriaj kaj kelkaj fabelaj bildoj.

Ĉar ni en nia lernejo (3-a popollernejo) ne havas apartan prezentejon eĉ ne salonegon: ni aranĝis klasoĉambron, kie sunlumo ne ĝenas Konvena parto de la muro estis pentrita per kazein-tinkturo kaj la elektra kordukilo estis transmetita. Nia projekcia aparato estas mezgranda modelo (nuna prezo ĉ. 350,— ormarkoj); la lampo estas altintensa special-projekcia inkandeska korpo kun 500 uatoj. La surmuraj bildoj estas ĉirkaŭ 1,5 × 1,5 m grandaj.

Por kompletigi la urban kolekton de diapozitivoj ni aplikas novaĵon de la lastaj jaroj. Por donacita monsumo ni aĉetis 2-an malgrandan aparaton, en kiu la vidrodiapozitivoj estas anstataŭataj per filmrubando. Sed mankas la maŝina kuriĝilo; la aparato nur montras senmovajn bildojn. Pro la bruliĝemo de la filmrubandoj la lampo nur havas 100 uatojn por ne estigi multe da varmo. Tamen la bildoj estas grandaj (1,20 × 1,20 m) kaj sufiĉe helaj. La filmrubandoj estas malmultekostaj (50 bildoj kostas 2,50 — 3,00 M); ni esperas havigi al ni iom post iom kolekton propraĵon de la lernejo. — Ĝis nun ni uzante la lumbildojn por la instruado havis la plej bonajn spertojn. La geinstruistoj volonte uzas ilin, kaj la infanoj ĝojegas, se oni anoncas: „Ni rigardu lumbildojn!" Kompreneble tia horo prezentas plenvaloran lecionon kaj ne nur amuzigon. La instrua metodo en duonheleco estas la sama kiel alie en heleco. Pri prezentado de kurantaj filmoj ni ja devis rezigni, ĉar tute mankas la mono por aĉeti la ankoraŭ tre multekostan filmaparaton (1200 mk).

E. Reiche-Potsdam.

# El diversaj landoj.

## El Anglujo.

## Eksteraj Ekzamenoj.

(Fino)

### Averto el duagradaj lernejoj.

La tenado de l' ekzamena sistemo sur duagrada eduko sufiĉe estas timiganta, rajtigi ĉiun prizorgon antaŭ ol permesi ĝian eniron en unuagradajn lernejojn. La alarmo estas sonigata en multaj lokoj, unuj tute neatendataj. S-ro K. Fisher, iama ministro de edukado, parole kaj skribe antaŭ nelonge faris admonojn. La sistemo kreskas per sia momentumo. Oni aŭdas inspektorojn kaj direktorojn esprimi sian maltrankviliĝon pri la pliiĝanta superrego. La kreskaĉo sufokas la pli delikatajn kaj bonegajn kreskaĵojn en la duagrada lerneja ĝardeno. Ni legis la raporton de D-ro Spencer pri instruo de la franca lingvo kaj rimarkis, ke instrumetodoj flankeniĝas el la ordinara vojo, kiam alproksimiĝas la ekzamena jaro, redaŭrigotaj post nenatura rompiĝo, kiam la ekzameno estas pasinta. Oni eltrovas, ke Edukaj Komitatoj esploras la rezultojn kaj komparas la lernejojn. Ekzistas pli vastiĝanta opinio, ke sistemo iam konsiderita efika, stimula kaj larĝiga nun fariĝas ŝarĝo de pligrandiĝanta pezo. Ĝi fariĝas ekstera kontrolo kaj estas alpreninta reg-pozicio pli ol direktebla pozicio. Tio kio okazis en la dua-

grada lernejo, eble okazos en la unuagrada. La tenego, kiu plifirmiĝis sur unu parto, eble fariĝas same senkompata sur alia.

### Internaj provoj necesaj kaj sufiĉaj.

Estas videble per la supra, ke la Unuiĝo kontraŭas ekzamenojn, kiuj estas ekstere surmetataj, kiuj estas unuformaj, kaj kiuj estas uzataj por taksi la kompetentecon de lernejo aŭ ĝian kompetentecon rilate al la instruostato de aliaj lernejoj. Estas konsentate, ke ekzamenoj eble havas edukan utilon, sed se tiel, ili devus rilati rigore la sciaĵojn kaj kapablojn de la lernantoj, al kiuj ili estas aplikataj, kaj devus esti regulataj de la instruistoj de tiuj infanoj. Tiaj provoj estas internaj, povas esti uzataj je intervaloj bezonataj kaj pri temoj bezonataj. Oni aranĝas ilin ne nur celante asigni poentojn al ĉiu infano, pri iu temo, sed por ke la skribaĵoj zorge estu esplorataj de la instruisto, por eltrovi kiel taŭge lia instruo rilate al la kapabloj de individuaj infanoj, eltrovi individuajn kapablojn kaj malkapablojn kaj termini la direkton laŭ kiu ili bezonas specialan atenton. Tial estas dezirinde, ke instruistoj provu sian laboron kaj la klaslaboron, sed tiu ne estas ekstera ekzameno, tiu estas eduka provo.

Tradukis el la „Instruista Mondo" („The Teachers World") kun permeso de la redaktoro Kate Hancock.

### Konferencaj aranĝoj por Pasko-semajno.

La administrantaro de la „National Union of Teachers" (Nacia Unuiĝo Geinstruista) decidis, ke du el la proponoj traktotaj estu jene:

1. Ke la plialtigo de la lernejlasanta aĝo, estante urĝe necesa de sociaj, edukaj kaj ekonomiaj vidpunktoj, ĉi tiu konferenco alvokas la registaron, iniciati fruan leĝdonon por okazigi reformon.

2. Ke ĉi tiu konferenco proponas koran subtenon al ĉiuj raciaj planoj por plenaĝula edukado kaj certigas edukaŭtoritatularojn, ke la instruistaro kunagos pri la provizo de pluaj faciligoj.

### Instruist-Reprezentantoj.

Ni bedaŭras scii, ke la Lancashire edukkomitato rifuzis la peton de l' tieaj geinstruistoj por rekta (senpera) reprezento el inter la instruistaro. Vere la Lancashire komitato ne vidas laŭ la vidpunkto de malgranda malplimulto da aŭtoritatularoj, kiuj elbaras entute instruist-reprezentantojn; ili permesas, ke la instruistoj estu reprezentataj, sed la reprezentanto ne devas esti instruisto ricevanta salajron por instruado en unuagrada (elementa) lernejo en la graflanda distrikto. Oni povas kompreni la kontraŭon al ĉi tiu propono, kiam instruist-salajroj fariĝis granda parto de l' kunven-aferoj de eduk-komitatoj, kvankam eĉ tiam la plimulto da aŭtoritatularoj permesis rektan reprezenton. Sed, nun kiam diskutoj pri salajraferoj moviĝis for de lokaj konsilantar-kunvenoj, al London, tiu kontraŭaĵo malaperas.

Ni opinias, ke la Lancashire komitato estus aginta saĝe, se ili estus plenuminta la peton de la geinstruistoj. Instruistoj pruvis sian valoron inter edukkomitatoj en ĉiu landparto; ĉiuj timoj pri ilia krom-elekto, kiuj antaŭe esprimiĝis, jam estas pruvitaj senkaŭzaj, kaj ni esperas, ke post nelonge la principo estos ĉie kaj plene konstata.

Tradukis el „The Schoolmaster", organo de National Union of Teachers — Kate Hancock.

# El Sovetio.

## Informo pri Raporto al la Tut-Sovet-Unia Akademio de Sciencoj.

Okaze de mia raporto al Tut-Sovet-Unia Akademio de Sciencoj mi ricevis multe da leteroj kun petoj informi pri rezultatoj ricevitaj en la grandsciencula rondo.

Responde al tiuj gelegantoj de I. P. R. mi devas antaŭ ĉio sciigi, ke la demando starigita antaŭ la Akademio ne jam estas pritaktita. Sed ni tie jam akiris amikojn por nia kara Esperanto.

La penso pri propaganda raporto al la Akademio naskiĝis ĉe mi antaŭ longe, kiam okaze de la 200-jara jubileo de la Akademio en rusa gazetaro aperis artikolo de Akademio N. J. Marr, direktoro de la Publika Biblioteko kaj Jafetidologia Instituto, en kiu li argumentadis pri neceso kaj utilo de mondhelplingvo. Poste en la gazetaro estis presita sciigo pri decido de la Akademio, preni sur sin klopodon restarigi la ekzistintan antaŭ la milito internacian Konsilantaron de Akademioj.

Tiuj perspektivoj ŝajnis esti bonegaj por la laboro, kaj, ĉar scienco ĝis nun donis al demando pri mondhelplingvo nenian definitivan respondon, mi decidis eniri en la sciencpreĝejon, por fosi tie nian sulkon.

Sukceso de la unuaj paŝoj estis granda; ĝiajn rezultatojn ni jam havas kaj ili estonte devas pligrandiĝi.

Akademio S. F. Oldenburg, nepra sekretario de la Akademio, prenis sur sin taskon, informi sin pri la problemo en alilandaj Akademioj.

Tolstovski muzeo ĉe la Akademio akceptis proponon praktike uzi Esperanton kaj jam oficiale korespondas per ĝi.

En la regna publika biblioteko nun estas aranĝata Esperantofako.

Sat-Kongreso, kiu okazis la pasintan aŭguston en Leningrad, ricevis de la Akademio gravan salutskribaĵon.

Pensoj publikigitaj en rusaj gazetoj plej bone karakterizas niajn amikojn en la Akademio. Jen estas traduko de artikolo, kiun Akademio A. E. Fersman skribis sub titolo „Esperanto estas vojo al progreso de scienco“ —

„Lingvoj estas unu el la plej potencaj iloj por rilatoj inter la popoloj. Diverslingveco estas unu el ĉefaj malhelpaĵoj, starantaj sur la vojo al unuiĝo de laborantoj en la tuta mondo. Krei unu solan lingvon por la internaciaj interrilatoj signifas — forigi la malhelpaĵon.

Garantio por sukceso de Esperanto estas konservo de la kondiĉo utiligi vortradikojn el lingvoj de ĉiuj nacioj. Prilaboro de la radikoj, kiuj devas servi al estonta evoluo de Esperanto, estas serioza scienca laboro.

La Akademio de Sciencoj, starigita ĉefe por scienca agado de la Sovet-Unio, certe ne povis malatenti tiun la plej necesan sferon de la tuthomara scio. Ĉe la Jafetidologia Instituto laboras kun sekretario de l' Akademio S. F. Oldenburg sub prezido de Akad. N. J. Marr, komisiono, kiu studas historion de formado de apartaj lingvoj kaj esploras parencajn vortradikojn.

Rezultatoj de tiuj laboroj de la nomita komisiono promesas — se ni atentas, ke en ĝi kunlaboras tiel eminentaj specialistoj de lingvoscienco kiel S. F. Oldenburg kaj N. J. Marr — grandegan valoron.

Esperanto estas la plej serioza provo krei artefaritan lingvon, komunan por ĉiuj popoloj. Scienculoj de la tuta mondo, vidantaj sekvantan ekfloron de la sciencaj objektoj en kreskanta unuiĝo de vastaj popolamasoj, el kiuj la scienco ĉerpas siajn fortojn por sia sekvonta ekfloro, devas saluti Esperanton kiel unu el vojoj al la plifortigo kaj pligrandigo de la unuiĝo.

Por scienco estas eksterordinare grava, ke la plej uzataj terminoj kaj esprimoj estu unusignifaj por ĉiuj popoloj, ĉiuj nacioj. Esperanto triumfos, kondiĉe ke ĝi fortiku la interligojn kun sciencoj pritraktantaj la historion de lingvoj. Esperanto, estante artefarita lingvo, eniros la korpon kaj sangon de popoloj de la tuta mondo, se ĝi atentos ĉiujn faktojn de tio, ke la lingvo de ĉiu popolo estas fenomeno, kiu historie fariĝis."

La cititaĵo pruvas, ke ni en la Akademio bonvenis kaj povos tie fortigi la interligojn.

Paul Poniŝevski,
instruisto de la Putilov-lernejo en Leningrad.

## Letero de sovetia instruisto al siaj translimaj kolegoj.

La plej granda parto de niaj translimaj kolegoj eĉ ne imagas al si, kian malfacilan epokon travivas la sovetia instruistaro.

Ni jam portas sur niaj ŝultroj la ŝarĝon de la naŭ jaroj de peniga laboro, kiu estis kunigita kun la ekonomia manko, kun la ŝanĝiĝo de la interna konstruo de nia lernejo, de nia tuta vivo.

Mi kredas, ke la instruistaro de la Okcidento kaj Oriento jam de longe atentas la laboron, kiun ni — sovetiaj instruistoj — plenumas en nia lando, en la lando kun la nova neesplorita reĝimo. Ni scias bone, ke tiuj niaj kolegoj malsame rigardas nin — jen aprobante, jen malaprobante niajn reformojn. Sed ni tion konsideras tute natura. Ni kredas, ke vi havos iam similan epokon, ke vi mem eble estos devigataj solvi similajn problemojn, Jen kial ni sentas devon konigi vin pri niajn malfacilaĵoj, sukcesoj kaj malsukcesoj.

Miaopinie ni ne rajtas kaŝi tiujn malfacilaĵojn kaj malsukcesojn. Dum la epoko de la arda alikonstruo, kiam estas tute nature havi viktimojn, tiuj ĉi maltrafoj estis renkontataj ĉiupaŝe, kaj ili nur pligrandigis la malfacilaĵojn. Sole pro heroa streĉo de l' fortoj (mi diras tion ne troante) la renaskinta, konvinkita en sia pravo, instruisto ne povis perdi la tolerecon, ne malesperiĝi kaj ne ĵeti la aferon sur mezo de vojo.

(Daŭrigota) Ŝevnik Dan.

## La Tutmonda Lerneja Servo peras la Adresojn de Korespondemaj Infanoj.

Ĉi tiu servo bone funkciis sub la gvidado de kolego Pfütze en Falkenstein (Germ) kaj treege helpis por la propagando de Esperanto kaj por la konversado de la infana intereso por Esperanto. Post la transloĝiĝo de k-do Pfütze la Aŭerbach-a Instruista Esperantogrupo prenis sur sin la oficon kaj promesas kiel eble plej bonan funkciadon. Se vi volas subteni nin per mono, bonvolu ensendi kun viaj petoj respondkuponon. Sed eĉ sen respondkupono ni peros ankaŭ la adresojn.

Adresu

**Tutmonda Lerneja Servo**

(Richard Müller) — Gabelsbergerstr. 2, Auerbach i.V. — Germanio.

## ESPERANTO EN SMOLENSKA LERNEJO.

Enkonduko de Esperanto en la lernejon kiel deviga fremdlingvo renkontas malfacilaĵojn. La plej granda estas tiu, ke ni ne jam havas sufiĉe multajn bonsciencajn Esperanto-instruistojn.

Se ni tamen volas prepari la enkondukon en la lernejon, ni komence aranĝas Esperanto-rondeton, al kiu apartenu nur la plej bonaj, laboremaj kaj interesitaj lernantoj.

En la V-a naŭjara lernejo en Smolensk mi utiligas Esperanton por la ĝenerala instruado laŭ jena maniero:

Tuj en la komenco de la Esp.-instruado la lernantoj devas korespondi kun eksterlando. Ni petas poŝtkartojn pri naturo, historio, geografio, socia vivo. El tiuj poŝtkartoj kaj leteroj ni faras kvazaŭ lernolibrojn (en formo de plakatoj) pri la diversaj landoj. En nia lernejo ekzistas speciala Esperanto-angulo (speciala ĉambro), kies muroj estas kovritaj per lingvaj plakatoj (alfabeto, gramatiko, vortfarado de Esperanto), plakatoj el du landoj — kiuj nun estas studataj: Germanio kaj Anglio — kun la ricevitaj korespondaĵoj, geografia karto kun flagetoj sur urboj, kun kiuj ni korespondas. Kiu interesiĝas pri nia Esperanto-anguleto kaj ĝia laboro, kiu deziras interrilatigi siajn lernantojn kun ni, skribu al Esperanta Grupo, 5-a devjatiletka, Smolensk, Leninskaja str. (dom. 3-a pehotnaja ŝkola) Sovet-Unio.

L. Genŝaft.

## EDUKA GAZETO UTILIGAS ESPERANTON.

Tiu gazeto estas La Vojo de Klerigo, de kiu vi ĉiuj ricevis kaj legis la Esperanto-resumfoliojn. Ĉar Vojo de Klerigo ne estas Esperanto-revuo, ĝi kompreneble ne eldonas la esperantan resumfolion por propagandi la internacian helplingvon, sed por profiti per ĝi, por disvastigi sian enhavon helpe de komuna lingvo en tutmondon, supozante ke ekzistas la deziro kaj bezono en ĉiu lando, ekscii ion pri la eduka movado en Ukraino. Vi ĉiuj certe ĝojas, ke Esperanto tiamaniere jam estas aplikata. Sed el tiu sukceso ankaŭ sekvas devo por ni: Pruvi, ke la aplikado de Esperanto estas efika rimedo por internacia senpera propagando. Se niaj legantoj ne uzas tiun resumfolion, por interrilati kun Vojo de Klerigo (abonas, verkas artikolojn) por traduki por naciaj fakorganoj, la eldonejo ĉesos eldoni la folion.

Kun n-o 2—3 de I. P. R. ni ekspedis n-on 11 de la resumfolio, en kiu la redakcio petas respondon sur 5 demandojn. Vi nepre plenumu tiun peton.

Grupoj, faru referatojn pri la enhavo de Vojo de Klerigo, sendu materialon al la fakgazetoj kaj konigu al la eldonejo vian sperton. G.

## El Instruistaj Grupoj.

Pirna-a Esperanto Grupo: La 18-an de marto la holandano s-ro Smit faris lumbildparoladon pri sia patrolando en la salonego de la knablernejo. Ĉeestis ĉirkaŭ 100 esperantistaj geinfanoj kun geinstruistoj. La gelernantoj entuziasme rigardis la belegajn lumbildojn kaj aŭskultis kun tre granda intereso. Ankoraŭ post tagoj la geinfanoj parolis kaj demandis pri ĉi tiu parolado.

L.

## Germanoj atentu!

La kasnumero de k-o Schneller estas n-o de la ĝirokonto, ne de la poŝtĉekkonto. Sed vi povas pagi per poŝtĉeko al la ĝirokonto!

Presejo: Dr. Karl Pickert, Leitmeritz, Bohemio.

## TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj en | Mono al Int. Ped. Revuo | Kotizo por** T.A.G.E. |
|---|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 | 1,2 |
| Argentina | pes. or. | 2 | 0,8 |
| Aŭstria | ŝil. | 4 | 1,6 |
| Belga | nova mono | 4 | 1,6 |
| Brazila | milr. | 4 | 2 |
| Bulgara | lev. bulg. | 80 | 30 |
| Ĉekoslovaka | kron. ĉek. | 20 | 8 |
| Dana | kronoj d. | 2,5 | 1 |
| Estona | mark. est. | 250 | 100 |
| Finnlanda | mark. finl. | 25 | 10 |
| Franca | frankoj fr. | 12 | 5 |
| Germana | mark. or | 2,50 | 1 |
| Greka | draĥmoj | 42 | 16 |
| Hispana | pesetoj | 4 | 2 |
| Hungara | kronoj or. | 2,5 | 1 |
| Itala | liroj ital. | 15 | 6 |
| Japana | jen. | 1,5 | 0,6 |
| Jugoslava | dinaroj | 35 | 14 |
| Litova | lid. | 6 | 2,4 |
| Latva | lat. | 3 | 1,2 |
| Nederlanda | gulden. | 1,50 | 0,6 |
| Norvega | kron. norv. | 3 | 1,2 |
| Pola | zlot. | 4 | 1,6 |
| Portugala | eskud. | 12 | 5 |
| Rumana | lev. rum. | 120 | 50 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,25 | 0,50 |
| Sveda | kron. sv. | 2,5 | 1 |
| Svisa | frank. sv. | 3,5 | 1,4 |
| Usona | dolaro | 0,75 | 0,3 |

**) Abonantoj de Int. Ped. Revuo nur pagas duonan kotizon.

Abonon por Int. Ped. Revuo kaj kotizon por TAGE sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— por la germ. asocio, 0.50 por TAGE kaj 2.50 M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No. 27.857", membroj de la saksa asocio al k-go Hans Heinrich, Plauen-Vo., Moritzstraße 76, ĝirokonto 20.094, Plauen-Vo.





## ABONINTOJ!
## ŜPARU MONON!

**Renovigu vian abonon pere de niaj agentoj**

**Landoj**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Belga: | Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801. |
| Blankrusa: | Agentejo Esperanto, D. Snejko, Minsk, Poŝtkesto 33. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Gabarevo, Kazanlika regiono. |
| Ĉekoslovaka: | Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Finnlanda: | Pârnânen, Sulkava, Lieviska. |
| Franca: | E.Vittecoq, instit. à. Bourville par Fontaine-le-Dun (S. Inf.). |
| Germana: | Goldberg,Frohburgerstr.68 p. Leipzig-S 3 |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petrovič, Skadarska 35, Beograd, Serbio. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |